UNUA JARO. — Nº 6. Unu Numero : 10 CENTIMOJ. DIMANĈO 27 AŬGUSTO 1905.

# ★ ESPERANTO ★

PROPAGANDA ĴURNALO POR LA LINGVO HELPA INTERNACIA

DE L. L. ZAMENHOF

ADMINISTRADO :
Sº Paul BERTHELOT
CÉRET (P.-O.) Francolando.

ABONOJ
24 numeroj sinsekvaj : 3 fr. por la tuta mondo.
10 abonoj ĉe la sama adreso : 24 fr. nur en Francolando.

Nenian manuskripton sendu al la Administranto.

REDAKTADO :
Sº Ch. LAMBERT
10, str. Berbisey, DIJON (Côte-d'Or), Francolando.

Nenian administrajon sendu al la Redaktejo.

REKLAMO-ANONCOJ
Agento Ĝenerala : Sº EMILE GASSE
59, Phalsbourg, LE HAVRE (Seine-Inférieure).

REKLAMO EN JENAJ REVUOJ KAJ GAZETOJ :
*Espero Katolika, The Esperantist, La Brita Esperantisto, La Germana Esperantisto, La Svisa Espero, Juna Esperantisto, Espero Rusa, kc., kc.*

*La numero* **7** *de* **Esperanto** *eliros*
*DIMANĈO 10 SEPTEMBRO*

## LA KONGRESO

**(El nia specialo korespondanto)**

Steloj, flagoj, afiŝoj, ĉie tra la stratoj, samideanoj el ĉiuj partoj de l'mondo, plenigante l'aeron per la dolĉaj silaboj de nia lingvo, kunvenoj monstraj kie mil buŝoj entuziasmaj aklamas Zamenhof kun danko, fido kaj amo ; ĉiuj pensoj homaj, ĉiuj bezonoj de la vivo ŝtofa kaj spirita tradukataj per la lingvo kiu en tiu tago venkis la skeptikecon kaj la nekredemecon de l'mondo : ho, neforgesebla spektaklo por tiuj kiuj ĝin vidis, historia dato por venontaj jarcentoj !

En jaro 1889 okazis en Parizo la unua Kongreso de Volapukistoj. Oni scias kiel ĝi finiĝis. Senfidaj al la kreanto, nek al la kreaĵo, malbone servitaj de neobeema lingvo, incititaj de peniga kompreno kaj malfacila esprimo, la volapukistoj ne povis interkonsentiĝi kaj Schleyer, furioza, sekvata de kelkaj fideluloj, foriris plaŭdigante la pordojn.

Kaj la gazetoj mokis, kaj la spirituloj, tiuj eternaj naivuloj, ridis la Babelan turon !

Nu, hodiaŭ ili vidis.

Kiom el la venintoj ne havis en si restantan nekredemon, timon, senkonfidon ? *Kiom el ili antaŭsciis la okazontan triomfon* ? Kelkaj apostoloj kiuj ne bezonas vidi miraklon por kredi. Sed jen ! la miraklo efektiviĝis, la *donaco de lingvoj* ree okazis kaj ĉiuj, Angloj, Svedoj, Danoj, Rusoj, Bohemoj, Holandoj kaj ĉiuj aliaj diras, kiel en l'antikva fabelo : « el kie venas ke ni ĉiuj kompreniĝas kvankam el landoj diversaj ! »

* * *

Sed la ĉefa instruo de tiuj tagoj estis ke al ĉies okuloj aperis tiu ideo ke, la unua, la precipa propagandisto de Esperanto, ĝia vera apogilo estis ĉiam kaj ankoraŭ nun estas ĝia aŭtoro mem, kaj tion signifis la furiozaj aplaŭdadoj de la ĉestantaro. Legu la ĵurnalojn : ĝis nun, kiam oni parolis pri esperanto, kuriozaĵo, oni deskribis la lingvon, analizis ĝian meĥanismon, kc. Hodiaŭ, tio kio interesas la grandan gazetistaron, estas la nova *fakto socia* prezentata per la triomfanta lingvo, kaj ĝia aŭtoro en kiu oni sentas l'animon konstantan de l'afero. Tial lin mem oni analizas, oni rakontas gian vivon, liajn penadojn, oni pentras la homon, tiun vireton kies vizaĝo prezentas impresigan fierecon sub ŝajno humila kaj modesta. Kaj kiam li parolis ĉiu sentis ke li ankoraŭ kondukas la barkon, pli bone ol ni scias kien ĝi iras, kaj el ĉiuj tiuj kiuj venis por konsilojn doni aŭ preni la direktilon, neniu laŭtigis la voĉon.

* * *

Tial tiuj famaj projektoj pri kiuj oni tiel disputis antaŭ la Kongreso estis nur en ĝi tute flanka afero.

Oni tre facile alvenis al la decidon krei internacian lingvan komitaton, kun Dº Zamenhof kiel konsilanto, se ne kiel ĉefestro. Tiu magistrato enhavas pliol 70 membrojn el kiuj ni citos, inter la francaj SS. de Beaufront, Benoit, Boirac, Bourlet, Cart, Fruictier, Guilbaut, Huet, Meyer, Moch, Peltier, Sébert, kc.

Tiu magistrato elektos kelkajn membrojn formantajn laborantan komitaton kiu ekzamenos la proponaĵojn.

Tamen ĝia rolo ne estas nur pure lingvo, ĉar multaj demandoj bezonas internacian komitaton. Ekzemple, al tiu sama komitato la Kongreso komisiis la laboron fiksi la daton kaj lokon de l'venonta Kongreso, kaj ankaŭ aliajn detalojn.

Ni reparolos en proksima artikolo pri tiuj decidoj sed vere tiom da antaŭa bruo estos utilinta nur por igi pli rimarkindan la sekvintan silentadon.

* * *

Rakonton de la festoj ni ne donas tie-ĉi : ĝi precipe interesas la publikon ne-esperantistan, tial oni ĝin trovos detalege en la propaganda parto de la gazeto.

Ni cetere en venonta numero donos ankoraŭ pliajn detalojn. Nur konkludon ni volas doni al tio ĉi :

De nun, kiam oni volos al ni fari teorian kontraŭdiron, ni rifuzu la disputon, kaj resendu la atakanton al la spektaklo de la faktoj. Nur neniu havas rajton dubi pri la parolebleco aŭ la komprenebleco de nia lingvo, kiam, dum pli ol dek tagoj kelkaj miloj da homoj el dudek nacioj diversaj uzis ĝin kiel komuna lingro, en ordinara uzado tiel bone kiel en plej malfacilaj disputoj.

Kaj ni mem, se al nia penso venas kontraŭdiron, se ni estas surprizigitaj per ia ŝajna neperfektaĵo de la lingvo, konkludu kiel Sº Kühnl : « Ke la grava afero ne estas perfekteco sed komprenebleco » kaj ke ni ne devas atenti tion kio ne malpermesas kompreniĝon.

Cetere nun ekzistas komitato kaj baldaŭ rajtigita organizacio permesos tiun malrapidan laboron de polurigado necesan en ĉia lingvo, sed antaŭ ĉio, ni memoru ke la triomfo de hieraŭ estas nur komenco por morgaŭaj bataloj. Ni ne enrigardu nin kiel hindaj fakiroj en la admirado de niaj sukcesoj, ni pensu ke ĝi estas nur malgranda parto el la akirotaj kaj konfidantaj en la venonto, komencu pli varman bataladon por la bono de l'homaro.

VIDINTO.

## DIVERSAĴOJ

### La Sursignaj literoj

El la stenografa raporto de la Kongreso :

*Seanco de Merkredo.* — Sº Saint-Martin, el Kanado, kritikas la uzon en skribado esperanta, de literoj kun sursignoj ĉ, ŝ, k. c. Li rimarkigas, precipe ke la presejoj uzantaj maŝinoj linotipo kaj similaj ne povas presi artikolojn en esperanto sen egaj elspezoj, kaj tute ne povas presi kapliterojn kun sursignoj.

Sº Dº Javal, el franca instituto, bedaŭrus ĉian ajn ŝanĝeton en la lingvo, sed li demandas sin ĉu oni ne povus elturni la malfacilon per almeto de literoj H aŭ Y, kiel ekzemplo, kiel oni uzas en sama okazo en germana lingvo leteron e anstataŭ sursigno dupunkta. Tio permesus forigi la sursignajn literojn.

Resendita al speciala Komitato.

### Gasta akcepto ĉe Charenton'a Grupo.

La 31an de julio vespere, la grupo esperantista de l'kantono de Charenton estas vizitita de tri ĉarmaj fremdaj. *Samideaninoj* : Fino Oxenford, anglino, sekretariino de l'Brighton'a grupo ; Fino Sim, skotino ; Fino Cederblad, svedino, fame konata en Esperantistujo. Sro Letenneur, pariza grupano, fervora partiano, akompanis ilin.

Ĉi tiuj esperantistinoj estas invititaj de nia sekretario kasisto, Sro Rigoir, malnova korespondanto de Fino Oxenford.

De la fervoja stacio ĝis la komunuma lernejo (nia kunvenejo) la interparolado ne ĉesas esperante, kaj nur esperante, niaj gastinoj ne scias france paroli.

Kvardek samgrupanoj atendas l'alvenon de niaj invitatinoj. Niaj plej ĉarmaj grupaninoj estas tie.

Tute kora estis la akcepto. Tiuj per nia karega lingvo Sro Devoncoux, prezidanto, dankas tutkore la fremdulinojn ; ankaŭ per nia lingvo Fino Oxenford diras la plezuron, kiun ŝi sentas ĉe la francaj geesperantistoj ; ŝi sciigas, ke neniel ŝi povis kredi antaŭ sia alveno, ke tiel fervora akcepto ĉie estus por ŝi farata. Fino Cederblad en eleganta Esperanto, kiun ŝi parolas flue, impresas *forte* la ĉeestantaron al kiu ŝi rakontas sian komencon en la lernadon de nia kara lingvo, kiun ŝi lernis *nur legente atente* la plej lertajn aŭtorojn. Ŝi admiris, ŝi ankaŭ, la fratecon de la Esperantistoj en Anglujo kaj en Francujo.

Sed nun ni iras en ĉambregon rezervitan por toasti. Sro Rigoir al niaj gastinoj mil dankojn adresas kaj diras sprite kiel li estas feliĉa salutante buŝe sian malnovan korespondantinon ; je la nomo de ĉiuj li sendas amikaĵojn al brightonaj grupanoj.

Sro Vinard kantas « Esperanto » himnon, « En Sonĝo » romancon de Rigoir. Oni dancas agrable ĝis la dekunua.

C. D. 7.278 — R. 8970.

### Lingvoj « naturaj » ?

El letero de amiko itala :

« Al mi ŝajnas strangaĵo ke oni kuraĝu diri ke Esperanto ne estas *natura* lingvo, kiam Esperanto formiĝis laŭ la aliaj naturaj lingvoj kiujn certe ne kreis la ŝtonoj, la arboj, la akvoj, la bestoj kaj la aliaj *naturaĵoj* senraciaj sed la homo rigardante la fenomenojn de tiuj kreitaĵoj. Videble se la homo senlingva povis krei lingvon el la fenomenoj de senlingvaĵojn, kian miron se hodiaŭe homo kreas lingvon el la lingvoj ? De tio mi konkludas ke Zamenhof kun la samideanoj kreis lingvon logike naturan. »

### Esperanto kaj Pacifismo

Ni ricevis la unuan kajeron de la jam de longe atendata *Espero Pacifista*

La redaktoro petas indulgon por tiu unua numero « improvizita » kie efektive troviĝas ne multajn sengravajn manketojn, precipe pri stilo. Sed, se ĝi daŭras esti tiel interesa, ĝi sendube ne prokrastos fariĝi, laŭ la konfida espero de ĝia direktantaro, « la plej bona el gazetoj pacifismaj. »

* * *

En sia unua kunsido, la sekcio de La Rochelle de la Societo *Pacon per Juro*, decidis sendi leterojn gratulajn kaj simpatiajn al S-ro d'Estournelles de Constant, pro la vastigo jus donita de li al la *Komitato por la defendo de l'interesoj naciaj kaj por la Konsento internacia*, kaj al S-ro Gaston Moch, pro la fondo de la *Societo esperantista por la Paco*, kun plej koraj bondeziroj por la sukceso de ambaŭ entreprenoj.

### La tria franca Kongreso de Paco en Lille

De la 26a ĝis la 29a de Aprilo, kunsidis en Lille la 3a Kongreso de la Francaj Societoj de Paco. Laŭ la propono de Sº Gaston Moch, ĝi akceptis la jenajn gravajn decidaĵojn :

I. La Kongreso aprobas la deklaracion de la Delegitaro por l'akcepto de lingvo helpa internacia ;

Elektas S-rojn Beaurain kaj Bokanowski kaj Fr-inon Bonnevialle, kiel riprezentantojn en tiu Delegitaro ;

Petas la Societojn por la Paco sekvi l'ekzemplon de tiuj, kiuj aliĝis jam al la Delegitaro, kaj elekti delegitojn ;

Konsilas al ĉiuj pacifistoj kunlabori individue al la propagando por l'ideo de lingvo internacia, kaj helpi la Delegitaron, konigante ĝin kaj havigante al ĝi aliĝojn, aprobojn kaj monoferojn.

II. La Kongreso,

Konsiderante ke la demando pri lingvo helpa internacia, kies gravecon proklamis jam en 1889 la unua Kongreso universala por la Paco, estas enskribita en la programo de la 14-a Kongreso, kiu kunvenos Lucernon en septembro proksima ;

Konsiderante ke nenia kongreso povas decidi pri la taŭgeco de tia lingvo, kaj, ankoraŭ malpli, rekomendi ĝian uzadon en la rilatoj internaciaj, tiel longe, kiel la plimulto de la kongresanoj ne scias ĝin ;

Sed konsiderante, aliflanke, ke ekzistas almenaŭ unu inter tiuj lingvoj, kiu, laŭ ĝiaj ellernintoj, estas tiel facila, ke ĉia homo havanta bonan instruitecon elementan, povas ellerni ĝin per peno malgrandega ;

Eldiras la deziron :

Ke la membroj de la Societoj por la Paco faru individue, antaŭ la Lucerna Kongreso, la provon lerni lingvon internacian ;

Ke la societoj, kiuj estos kapablaj uzi ĝin por sia korespondado sin konigu al l'Oficejo internacia por la Paco ;

Ke l'Oficejo enpresu tiujn sciigojn en sia *Korespondado duonmonata* kaj en sia Jarlibro de la organoj de l'movado pacifista.

### Arbitracio pri la tera posedrajto en Japanujo

Tiu afero alvenis ĉe la Kortumo de Hago, la 15an de majo. La procesantoj estis, unuflanke Japanujo, aliflanke, Francujo, Germanujo kaj Granda-Britanujo. Laŭ la reguloj de la konstanta Kortumo de Hago, tri membroj de la kortumo estis elektataj kiel arbitraciontoj : S-roj Motono, ministro de Japanujo en Parizo ; Louis Renault, profesoro en la Fakultato de Juro de Parizo ; kaj G. W. W. Gram, eksministro regna de Norvegujo, nun prefekto de provinco de Hamar kaj Hedemarken.

Germanujo petis, ke sia lingvo estu akceptita, por la esplorado de la proceso. La Japanoj konsentis, kondiĉe ke la japana linvgo estu ankaŭ akceptata.

Pri tiu epizodo, la germana *Friedens-Warte* diris prave :

Tio montras klare, kien oni estus kondukata, se ĉia nacio volus uzi sian lingvon ĉe la Kortumo, pro nekonvena fanfarono nacia, Multaj diplomatoj ne akiris jam la komprenon de l'internacieco, t. e. de la justeco por ĉiuj. La sekvo de l'akcepto de ĉiuj lingvoj estus plena konfuzo. Oni precize devos limigi la nacian fanfaronon akceptante unu solan lingvon, aŭ... uzi ian lingvon neŭtran, artefaritan. Sed tio ĉi ŝajnas utopio al la samaj homoj, kiuj tute forgesas ke, antaŭ dek jaroj, la fondo de Kortumo internacia ŝajnis al ili utopio, kaj ĝi fariĝis tamen.

*Espero Pacifista.*

### Federacio Esperantista Katalana.

La delegatoj estas petataj informi la ĝeneralan sekretarion pri la dato, loko, kc. de la *kursoj* organizataj de ili kaj farotaj dum la jaro 1905-1906 en siaj urboj.

La grupo Cereta en sia lasta kunsido decidis ke, post la 1a de oktobro, profitante la liberecon donitan de la ĝenerala kunveno, ĝi taksos la membran kotizaĵon je 0 fr. 50 ĉiumonate.

## MALBONA AGO

Amerika abonanto skribas al ni, cetere en tre bona stilo, la jenajn liniojn :

«... Sed, kara Sinjoro, ĉu vi pensas ke mi estas esperantisto, nur ĉar mi provas skribi esperante ? Vere, mi ne intencis trompi vin ; mi nur nomas min *internacilingvisto*, kaj kvankam mi multe ŝatas la genian eltrovon de Dº Zamenhof, aliaj sistemoj ankaŭ interesas min, precipe *Idiom Neutral*, de kies Akademio mi estas membro. (Por vere diri, mi malmulte esperas ke ĝi sukcesos, kvankam laŭ mia opinio tre simpla, naiura kaj facila)... »

Multe el niaj legantoj tute ne scias kio estas tiu *Idiom Neutral*. Ĝi estas provo de Lingvo Internacia vere tiel simila je la nia ke ĉiu esperantisto povas senpene ĝin legi kaj kompreni. Tiun similecon oni komprenos, sciante ke la naskiĝo de Idiom Neutral ne antaŭas la jaron 1893, dato je kiu fondiĝis, inter Volapukistoj, l'*Akademi Internasional de Lingu Universal*. Je tiu dato multaj eksvolapukistoj fariĝis esperantistoj, ĉar ĉiu bone vidis ke la malsukceso de volapük venis de tio ke ĝi neatentis la principon de internacieco. Sed aliaj, malemaj fariĝi soldatoj en armeo jam granda, pliamis estis estroj de bando kaj penis grupigi ĉirkaŭ si kelkajn centojn da bonvolantoj.

Mi ne disputos ĉu *Idiom Neutral* estas pli aŭ malpli bona ol Esperanto. Vere, profitante la eksperimentojn de sia antaŭulo, ĝi havas vortaron ofte pli sisteman, kaj racie internacian. Sed tiuj superoj estas cetere kompensataj per aliaj malbonaĵoj, precipe pri bonsoneco.

La afero certa estas ke la propagando de Idiom Neutral — kiu progresadas nur en Germanujo — faras multe da malbono, ne nur al Esperanto, sed al *l'ideo mem de Lingvo Internacia*, ĉar serioza kritikanto respondos : « Unue, estu akorde por proponi al ni ion. » Kaj certe tia estas la kaŭzo de niaj malrapidaj progresoj en Germanujo.

Se *Idiom Neutral* estus sendube superega je Esperanto, neniu el ni, kaj Dº Zamenhof mem, rifuzus lasi nian lingvon kaj sekvi la progreson. Sed la dirita lingvo, kiel ĉiu povas konvinkiĝi, estas nur fratino — pli juna, tre simila je l'unuenaskita, tiel simila ke tre facile oni faras konfuzojn kiam oni scias samtempe ambaŭ. La maloftaj punktoj pri kiuj ĝi povas superi la kreaĵon de Dº Zamenhof estas tiel flankaj ke nenio malpermesas esperi ke, kiam nia lingvo regule vivados, ĝi povos per si mem iom post iom polurigi la malglataĵojn kaj sin liberigi de ili. La progresoj jam faritaj promesas senhaltan progresadon. (1)

En tiaj cirkonstancoj, ĉar la dirita Idiom Neutral povas nur elvoki dubon kaj konfuzon en la spirito de l'publiko, ĉiu prudenta homo konfesos ke ĝia propagando estas vere malbona ago kontraŭ la homaro, kaj energie ĝin kontraŭstaros !

P. BERTHELOT.

(1) Estas rimarkinde ke tiuj kreantoj de lingvoj internaciaj tre bone komprenas ke ili neniam povos sukcesi. « Bolak multe superas Esperanton — diris al mi iam Sº Bollack — sed neniam mi vin atingos : vi estas tro antaŭen ! ». Ja certe, la sumo de ĉiuj partianoj de ĉiuj aliaj lingvoj ne atingas dekonon de nombro de Esperantistoj. Tial, kial daŭrigi ? Kial doni armilojn al la malamikoj de Internacia Lingvo ? Memestimo ? Gloramo ? ?.. Kiu scias !

# LA KONKURSO DE « L'ALMANACH HACHETTE »

Oni sendube memoras ke, la pasintan jaron, la firmo Hachette malfermis inter la legantoj de sia tutmonde fama Almanaĥo konkurson esperantistan sur tiu temo : *Utileco de tutmonda ligvo — Estonto de Esperanto.* Ni povis akiri la eblon prezenti al niaj legantoj la verkajon kiu ricevis la unuan premion — 500 frankoj mone — kaj kies aŭtoro estas S° BOUCON, profesoro en liceo de Annecy.

## UTILECO DE TUTMONDA LINGVO
### Estonto de Esperanto

Pri la unua parto, la utileco de ia tutmonda lingvo, ne estas necese longe paroli ; ĉi tiu utileco ne estas disputebla, ĉiuj unuanime konsentas pri tiu punkto, kaj neniu, eĉ inter niaj kontraŭdirantoj, opinias, ke internacia lingvo ne estus utila ; ili simple pretendas, ke ĝi estas neebla. « Gi estas utopio, ili diras, revo ĥimera. » Nur tiujn vortojn ili havas sur la lipoj. S° de Beaufront kaj Couturat jam sufiĉe rifutis tiajn iliajn argumentojn ; aliparte ĉia teorio estas lama ; nenio tiel bone konvinkas, kiel fakto, kaj fakto estas nun, ke lingvo internacia vivas kaj progresas.

Sendube kontraŭuloj ankoraŭ neas la veron ; sed ni ne priokupu nin pri ili : irante ni pruvas la movadon. Memoru ni tiujn scienculojn, kiuj penadis pruvi la neeblecon de veturado per fervojoj tiam eĉ, kiam tiuj ĉi jam funkciadis en Anglujo. Jes, internacia lingvo nuntempe estas ne sole utila sed necesa ; tion elmontras pli kaj pli la internaciaj rilatoj : komerco, turismo, sciencoj, kongresoj ; vane oni parolos pri paco universala, pri frateco inter popoloj, tiel longe, kiam homoj ne posedos helpan lingvon komunan.

Vane ankaŭ oni volus, ke niaj filoj lernu praktike multajn el niaj naciaj lingvoj. Tio vere estas neebla ; la tuta homa vivo estus bezona por tia tasko. Nu tiel same, kiel nun ekzemple en Francujo por la naciaj rilatoj oni ne lernas la dialektojn provincajn, sed ĉie la francan lingvon, kial oni ne lernus tiel simile nur lingvon internacian por la internaciaj rilatoj ? Tio fatale okazos iom post iom, kiam Esperanto estos de ĉiuj akceptita, kaj oni ĝin certe akceptos, kiam oni vidos ĝian taŭgecon por la celo.

* *
*

Nun, kio estos Esperanto en estontaj tempoj ? Pri tio ni ne devas nin flati ; ni vidu kuraĝe kaj sincere la veron.

La lingvo kreita de D° Zamenhof estas sendube majstra produkto, genia verko ; pri tio ni volonte konsentas ; sed unu sola homo vivo ne povas elfari la laboron de tuta popolo dum longaj centjaroj ; lia nia lingvo estas do nun kvazaŭ ĝermo, kiu kreskados, kvazaŭ infano, kiu grandiĝos ; niaj mokemaj kontraŭdirantoj ridetante diras ke tiu infano estos nur la Faŭsta *homunculus* ; ne, la infano vivas kaj bone fartas, sed oni ne devas postuli de ĝi jus naskita, ke ĝi havu forton kaj barbon, kiel matura viro ; oni ne postulu de nia lingvo, ke ĝi jam posedu tiel saman riĉecon aŭ literaturon, kiel maljuna nacia lingvo. En vero, ni ankoraŭ longajn jarojn devos skermi kaj batali ; senhalte la plej lertaj el ni devos klopodi kaj labori ; kaj labori ne signifas simple propagandi la lingvon, sed precipe ĝin lerni kaj skribi. Jes, Esperanto ankoraŭ nun havus kredeble la sorton de aliaj sistemoj lingvaj, se ĝia aŭtoro ne estus mem skribinta kaj provinta sian lingvon ; senerare oni povas diri, ke la traduko de Hamleto ekzemple varbis al nia lingvo pli da adeptoj ol la plej elokventa priparolado, kaj la talentaj homoj, kiuj en estontaj tempoj donos al ni rimarkindajn verkojn esperantajn, multe pli faros por nia afero ol la plej fervora propagando. Aliparte se niaj gloraj poetoj aŭ prozistoj riĉigis kaj beligis la francan lingvon, ĉi tiu franca lingvo siavice famigis ilin ; tio sama fariĝos pri la estontaj geniaj verkistoj esperantaj : ili disvastigos la lingvon, kiu faros iliajn nomojn returne konataj en la klera homaro. Ni do estu nek trorapidemaj, nek senpaciencaj ; estos ofte necese moderigi la fervoron de kelkaj fuŝantaj apostoloj, kiuj senpripense kaj malkorekte skribas esperante ; tute prave diras nia majstro, ke ili alportas al nia afero rektan malutilon.

Nur iom post iom el la verkoj de la plej bonaj aŭtoroj naskiĝos difina, leĝodonanta stilo, lingvo riĉa kaj harmonia. Tiaj verkoj jam ekzistas, kiel *Hamleto, Esperantaj Prozajoj, Fundo de l'mizero, Virineto de l'maro*, k.c. Antaŭ ĉio oni ne ŝanĝu la fundamenton de la lingvo, kies netuŝebleco estas absoluta kondiĉo por sukceso ; plie nia ĉefa celo estu la klareco, la komprenebleco.

Tiamaniere dank'al tempo la Esperantistoj riĉigos sian lingvon, el kiu samtempe malbelaj aŭ malprecizaj esprimoj nature malaperos. Baldaŭ fariĝos internaciaj konkursoj, kunvenoj, kongresoj ; naskiĝos novaj revuoj kaj ĵurnaloj kaj la lingvo estos pli kaj pli uzata ; oni ĝin lernos en lernejoj, akademianoj sendube ankoraŭ kelkatempe disputados pri ĝi ; sed fine ĝi venkos, ĝia ekzistado estos oficiala.

« Bele ! Brave ! ekkrias nun ironie skeptikuloj ; ĉu do sur la teatro oni aŭdos esperante deklami dramojn aŭ moki bopatrinojn ? Cu la instruistoj ankaŭ esperante parolos kun siaj junaj lernantoj kaj ĉu ili ekzemple diros jenajn frazojn : *Infanoj, ni volas nun lerni la metran sistemon, la pezilojn kaj la monerojn, aŭ Petro, atentu! Paŭlo, ne lasu fali vian plumingon ?* Cu kredeble tiam gepatroj riproĉos siajn infanojn, dirante : *Peĉjo, Manjo, estu do silentaj, ne faru tian bruadon ?* Cu fine en vagonaro komercaj vojaĝistoj jene demandos unu la alian : *Kien vi veturas ? Cu vi iras Berlin'on ? Cu vi tie konas bonan hotelon ?*

Jes, certe ! mi respondas ; kial ne ? Ni sendube ĝis nun tion ne vidis, sed antaŭ unu jarcento niaj avoj ankaŭ estis neniam vidintaj telegrafon, fervojon aŭ telefonon kaj tamen tiuj ĉi nun ekzistas ; jes, tian mirindajon ankaŭ verŝajne vidos niaj praidoj kaj tiam la regnestroj, la ministroj ne bedaŭros plu, kiel S° E. Combes, la mankon de *ia ajn volapük* por alparoli alilandajn deputatojn.

Kio fariĝos poste el la lingvo internacia ? Estas malfacile tion diri, sed oni povas prave kredi, ke la popoloj dank'al tempo elrompos la kadron truditan ; post multaj jarcentoj la tiama lingvo internacia estos ne pli komparebla al la hodiaŭa ol la nuna franca lingvo estas sidmila al la malnova lingvo de *la Chanson de Roland.*

Eperanto tiel transfarita, vivigita estos la lingvo de la tuta homaro ; niaj naciaj lingvoj ekzistos ankoraŭ kiel pasintaj dialektoj pli aŭ malpli gloraj ; sed poste ili estos por eterne pereontaj.

Tion konfesas kaj terure timegas S° Regnaud, profesoro de sanskrita lingvo en Lyon, kaj ni, Esperantistoj, estus laŭ lia opinio, senprudentaj iloj, blindaj instrumentoj de l'fatalo, kiu fortiras homojn... al la neniiĝo, diras unuj... al la progreso, rediras aliaj. Kion do fari ? Cu nenion, tial ke ni vane kontraŭstaras la sorton ? Ne, por ni la fatalo faras nenion kaj la homa volo ĉion eblan ; estas ankoraŭ preferinde direkti la evoluadon al la komuna feliĉo.

Kio ajn okazos, ni ja scias, ke la batalantoj por novaj ideoj preskaŭ neniam ĝuis mem la fruktojn de sia laborado ; estas ankaŭ certe ke tiuj novaj, noblaj ideoj neniam restis senutilaj ; el ili la homaro ĉiam eltiris ian profiton.

Tiu pripenso subtenu do nian penadon, kiu ankaŭ ne restos senfrukta. Ni laboru kaj esperu : jen la devo nia ; la estontaj generacioj faros la sian.

BOUCON

## BIBLIOGRAFIO

*Fervora alvoko al la ĉiulanda virinaro, por ilia multepova helpo pri la disvatiĝo de « Paco sur tero kaj al la homaro bonvola. »*

Tiu 8-paĝa broŝureto estas eldonita *en Esperanto* de la « Virina helpanta .pac-societo », kies prezidantino estas S-rino A. M. Richard (la vidvino de l'fama deputato Henry Richard), kaj vic-prezidantino, nia societanino Fr-ino P. H. Peckover.

Ĝi traktas mallonge la jenajn temojn : Militado juĝita per siaj rezultatoj ; — Cu milito estas necesa ? — Kaŭzoj de milito ; — La virtoj de la militisto estas apartaj kaj sendependaj de milito ; — Kiel vivinoj povas fini militonr

Areton de tiu « Alvoko » sendas senpage D-ro Evans Darby (47, New Broad Street, London, E. C.), aŭ Fr-ino Wade (4, High Street, Wisbech). Oni volu nur enmeti poŝtajn markojn pro la poŝta kostor

*Novjara Donaco.* — Ni reparolos pri tiu spritoplena verketo de S° Saint-Loup, dekano de la Scienca Fakultato de Besançon, kiu prezentas tre agrable nian lingvon.

## LETERFAKETO

*Al Kolegoj.* — Ni multe dankas tiujn el niaj kolegoj kiuj havis por ni afablajn notetojn, sed la plimulto el ili forgesis informi sian legantaron, ke nia gazeto estas akirebla en la librovendejoj de stacidomoj francaj, kaj en kelkaj svisaj kaj belgaj kioskoj. Tio estas tre grave, ĉar la plej multon de niaj ekzempleroj vendiĝas tiel. Plie dum la libertempo, la vojaĝantoj havos grandan facilecon akiri ĝin.

*Al Kelkaj.* — Ni bone ricevis vian mendon al la poŝkartoj, vi ricevos ĝin en fino de septembro. — Jes, se vi mendas mil ni povas presi senpage vian nomon en la flanko.

*S° L. Landes*, Alger. — La *Vortareto Esperanto-Esperanta* ne eldoniĝos sub la nuna formo. Ni nur presigos kelkajn ekzemplerojn por permesi kunlaboraton de ĉiuj kiuj deziros prezenti korektojn al ĝi, kaj nur la definitive ellaboritan tekston ni proponos al aprobo de D° Zamenhof kay eldonigos grandanombre. Sed la nuna verketo estas tro nesufiĉa por tuja eldono.

*Fr. Commères*, Béziers ; *S° Floutier*, Nimes, kaj aliaj. — De nun vi trovos regule *Esperanto* en la stacidomo de via urbo.

## MEMORAJO
DE LA
### 1ª Kongreso de Esperanto

Post la grandega kaj fruktoplena sukceso de la 1ª Universala Kongreso de Esperanto, multaj esperantistoj demandis ĉu estus eble aĉeti aron da kolektotaj memorajoj pri tiu grava historia okazo. Por kontentigi tiun deziron, estos sendataj al ĉiuj kiuj pagos DU FRANKOJN :

1° *Kongresa libro*, de Paul Boulet. Tiu libro, 164-paĝa, bele eldonita, enhavas multajn ilustrajojn (inter kiuj belan portreton de D° Zamenhof kaj artan fotografajon de la profesorojkomitatanoj de la grupo de Boulogne), poeziojn de D° Zamenhof, interesan gvidolibron enhavantan ĉiujn utilajn sciigojn pri Boulogne, gravan deklaracion kiun D° Zamenhof legis dum la Kongreso kaj kiun ĉiu esperantisto devas koni, plenan frazlibron francanesperantan por turistoj kiu enhavas ĉiujn frazojn necesajn dum vojaĝo kaj estas utilega lernilo kiu tre helpos la praktikan lernadon de nia lingvo ;

2° *Broŝuro* enhavanta la projektojn diskutotajn de la komisio elektita dum la Kongreso ;

3° *Adresaro* de la gekongresintoj ;

4° *Detala programo* de la kongresaj festoj ;

5° Specimeno de la *Karto de Kongresano ;*

6° Specimeno de la *Kongresa Poŝtkarto*, de S° Rollet de l'Ile ;

6° Diversaj *cirkuleroj* pri la organizacio de la Kongreso.

Ni konsilas al ĉiuj kiuj deziras ricevi tiun interesan aron da kongresaj memorajoj ke ili sendu *kiel eble plej baldaŭ* sian mendon al :

S° Paul BOULET, sekretario de la 1ª Kongreso de Esperanto, 49, Strato Louis Duflos, Boulogne-sur-Mer (Franclando).



---

te, precize, ĝuste = imiti – ; pagi – ; venu ĉe la oka –.

**akuŝi 1** esti naskanta.

**akuzativo** kazo gramatika signata per **N** fina.

Oni uzas akuzativon

1° por montri pasivan komplementon de verboj de 2ª klaso : li amas min kiel sian filon.

2° kun aliaj komplementoj oni povas, anstat. nominativo post prepozicio uzi *akuzativon sen prepozicio* se la senco permesas : vagadi longan tempon, obei la patron, tio kostas unu frankon, transiri la maron ; ĉirkaŭi urbon ; pardoni malamikon, peti pardonon.

3° post vortoj, kiuj montras lokon al kiu oni direktiĝas : kien vi iras ? — Mi iras en la ĝardenon. Tamen post *al* kaj *ĝis*, oni ofte ne metas l'- : iru al la domo, salti ĝis la luno,

Vidu : *Esperanta Sintakso*, § 118.

**akvilegio** veg. *(aquilegia vulgaris).*

**akvo** ŝtofo fluida (monoksido de hidro)|**–umi** : doni akvon = akvumi paperon, praton|**–melono** : nomo de diversaj veg. *(citrullus vulgaris, cucurbita melopepo, etc)*

**al** prepoz. montranta 1° lokon kien la subjekto iras, sin turnas = mi iras – Parizo, rigardi – la ĉielo, pensi – sia patro, amo – Dio, dank'– vi|2° rilaton de posedo = la rozo apartenas al Teodoro, lasu tion – la infanoj, tio-ĉi estas – mi.

**alabastro** nomo de iaj ŝtonoj.

**alaŭdo** birdo *(alauda arvensis)*

**albatrozo** birdo *(diomedea exulans)*

**albumeno** organika ŝtofo.

**albumo** kolektlibro, kajero por paperajoj, desegnajoj, memskribajoj, poŝt-markoj, sekaj vegetajoj.

**alciono** birdo *(alcedo hispida)*

**aldo** arĉa muzikilo pli basa ol violono.

**aleo** vojo tra arbaro, ĝardeno.

**aliu** kiu ne estas la konsiderato = mi parolas pri tiu homo, kaj ne pri – | **alio** : aliu ajo | **alia** : malsimila, alispeca|**aliam** : en aliu tempo|**aliloke** en aliu loko|**aliel** : per aliu maniero, kc.

**alko** mam. *(aloes palmatus)*

**alkoholo** ŝtofo fluida brula (dianolo, etanolo).

**almozi 1** fari donacon al malriĉulo.

**alno** veg. *(alnus viscosa)*

**aloo** g. de veg *(aloe)*|**–ajo** : rezino laksiga.

**alta** longa laŭ vertikala amplekso = arbo – | malproksima supren = nubo – ; komp : pensoj altaj.

**altaro** meblo aŭ konstruajo difinata por sankta ofero.

**alteo** g. de veg. *(althæa)*

**alterni 1** pri du agoj aŭ ajoj regule sekvantaj unu post aliu = nokto –as kun tago ; movo –a ; folioj –aj ; ni dejoras –e.

**aludi 2** veki en la penson de l'aŭdanto ideon ne precize esprimatan en la parolo.

**alumeto** ekbruligilo.

**aluminio** ŝtofo simpla metala. (Al = 26,9)

**aluno** ŝtofo sala (kalialuminisulfato hidrata)

**amaso** kvanto da ŝtofo : – *da* neĝo, sablo, fojno|aro senorda d'objektoj : – *de* ŝtonoj, steloj, brutoj | **–igi** : kunigi senorde.

**ambaŭ** adjektivo nombra ; unu kaj aliu, kiam estas nur du = li havis nur du filojn, – mortis |**–seksa** : kiu havas signojn de la du seksojn.

**amboso** maso de fero sur kiu oni forĝas pecojn de metalo.

**amelo** ŝtofo organika kiun oni trovas en diversaj veg. (solano, tritiko, dalio, kc.)

**ami 2** senti impreson altirantan por iu aŭ io|**–o** : sento aliga, emo spirita = amika –, seksa – ; – al Dio, al la beleco.

**amiko** amatulo|**–eco** : amo ne seksa por iu homo.

**amoniako** gazo alkalia (azothidrido $NH^3$)|solvajo de tiu gazo| sal– : amoniklorido.

**amonio** ĥemia radikalo $NH^4$

**ampleksi 1** havi vaston, areon, longon de... |**–o** : grandeco

**amuzi 2** distri, ridigi, plezurigi.

**analizi 2** malkunmeti, malkomponi, diserigi, disligi partojn.

**ananaso** veg. *(ananas)*

**anarĥio** socio sen estra regado |**–ismo** : dogmaro –a | **–isto** : partiano de – |**–eco** : stato –a, *ankaŭ* : anarkio.

**anaso** g. de birdoj *(anas)*

**anemono** g. de veg. *(anemone)*

**angeliko** veg. *(archangelica officinalis)*

**angilo** g. de fiŝ. *(anguilla)*|**elektra –** : fiŝo *(gymnotes).*

**angulo** nomo de diversaj geometriaj figuroj :

1° *angulo linia* : spaco difinata sur faco ia per du linioj kruciĝantaj : - kurblinia, rektlinia | - *rekta* : a. difinata per du rektlinioj perpendikaj | *plan-eco* : grandeco de – ; rilato de a. ia al angulo rekta.

2° *angulo vasta* : spaco difinata per konusa faco ia : - konusa, multplana | - *trirekta* : difinata per tri planoj reciproke perpendik. | *vast-eco* : grandeco de a. vasta ; rilato de a. vasta al a. trirekta.

*angulo duedra* : v. *duedro.*

**tri–o, mult–o** : figuroj je tri, multaj – oj|**–ilo** : –mezurilo.

**anĝelo** kreajo nur spirita. (teol.)

**anĝino** malsano de gorĝaj membranoj.

**animo** parto spirita de l'mio| vorto esprimanta kune kaŭzon de sentado, komprenado kaj volado.

**anizo** veg. *(anisum)*

**ankaŭ** prep. ; same = vi kredas tion, mi – ; li ne venis, mi – ne ; ne nur.., sed –|samtempe = li estas bela, sed – malbona|eĉ = mi tion kredos – se vi neos ; tio igas lin – pli kulpa.

**ankoraŭ** prep. ; ĝis tiu tempo = li vivis – la lastan jaron, kiam li estis – infano | malb : jam, ankaŭ, ree.

**ankro** ilo por nemovebligi ŝipon|hoko duobla.

**ano** alvorto : montras kiu enestas ian aron = societano, landano.

**anonci 2** sciigi, igi sciata.

**ansero** birdo *(anser).*

**anstataŭ** prep. ; en loko de = li prenis mian ĉapelon – la sian | **–i** : esti en loko de = hodiaŭ li –as al mi (aŭ min) en mia ofico | **–iĝi** : veni en loko de = suno –as al nuboj (nubojn), Tibero –iĝis Oktavon | **–igi** : meti en loko de = oni –igis lin al mi en mia ofico.

**antaŭ** prep. kiu rilatas ĉion kio estas je unu flanko de l'o konsiderata, la cetero estante post

*pri loko* : li iris – la ĉaro, kaj mi post ĝi ; la hundo staris iom - kie la leporo kuŝis ; ne faru tion - [kie] mi [estas].

*pri tempo* : mi konis lin - lia edziĝo, sed ne post tio ; venu ĉe min - kiam mi foriros ; - ne longe ; mi lin vidis - tri tagoj kaj lin revidos post ok ; ne faru tion - [kiam] mi [tion faros].

Vidu : E.S. § 130. Rim.

*ankaŭ* : antaŭ *ol* ; antaŭ, post *ke.*

**–a** : kiu estas antaŭ = sur –a parto ; dum –a tempo, en –a ĉapitro| **–tempa** : kiu okazas – sia tempo, trofrua | **–e** : adv. loka aŭ tempa = stari –e ; foriri –e| **–i** : esti, stari antaŭ = fosajo –as la muron ; floro –as frukton| **–iĝi** : iĝi – io = li foriris antaŭ (kiam) mi, sed mi baldaŭ –iĝis al li (aŭ lin)| **–igi** : meti –io = estas absurde –igi ĉaron al ĉevaloj |**igi -tempa** = li –igos horon de sia morto.

**antikva** malnovega | **– e** : laŭ – maniero ; dum – tempo.

**antimono** ŝtofo simpla metalojda (Sb = 119,3).

**anuso** elirejo natura de l'intesto.

**aparato** ilo, maŝino = skrib –, distil –.

**aparta** ne komuna = ĉambro, ideo –| **–e** : ne kune, sole = paroli – e ; konsideri ĉiun eron –e.

**aparteni 1** esti proprajo, posedajo de iu = la rozo –as al Teodoro.

**apenaŭ** preskaŭ ne = audi – ; manĝi – sufiĉe por vivi ; li – ne falis.

**aperi 1** iĝi vidata, videbla.

**apetito** deziro de satiĝo.

**apio** veg. *(apium graveolens).*

**aplaŭdi 1** plaŭdi per manoj por esprimi aprobon, admiron, kc.

**apogi 2** porti, subteni pezon aŭ parton de l'pezo = trabo –as tiun muron ; ŝtonoj de arkajo –as sin reciproke ; tio –as mian opinion ; muziko –as kanton ; sin – per bastono, per kruroj| **–o** : helpo fizika aŭ morala.

**apro** mam *(sus scrofa).*

**aprobi 2** opinii ke io estas bona kaj laŭdinda ; montri tiun opinion.

**apud** prep.; en spaco plej proksima de = lia domo staras – la mia | **–a** : kiu kuŝas plej proksime = ĉambroj, anguloj –aj.

**araneo** g. de bestoj *(aranea)* –ejdoj : dua klaso de artikmembruloj (zool).

**–ar'** alvorto ; montras nombron de samaj objektoj kunigitaj | **aro** : kolekto = la tuto estas – de siaj eroj.

**aranĝi 2** igi taŭga por difinita celo = birdo –as herbojn por sia nesteto ; – maŝinon ; rakonton, projekton, societon.

**arao** g. de bird. (ara)

**arbitri 1** agi sendepende, kiel : senpartie, senpasie, aŭ eĉ : malsaĝe, malĝuste ; plej ofte juĝi laŭ prudento, sen dependo de leĝo aŭ de supra povo, kaj ne revokeble| **–a** : memvola = decido –| **–e** : laŭ plaĉe, libere = elekti –| **–acio** : juĝo – ; **–ado**| **–ebleco** = neniu havas plene liberan–.

**arbo** vegetajo kun ligna trunko | **–arejo** : loko kie kreskas arboj| **–eto** : malalta arbo.

**arbuto** veg. *(arbutus unedo).*

**arĉo** vibrigilo por kordaj muzikiloj.

**ardeo** birdo *(ardea cinerea).*

**ardezo** speco de ŝtono tavola.

**ardi 1** varmi lume = la suno –as|**–a** : brulluma, ruĝa : fero – ; fadeno – (de lampo elektra).

**areo** parto de spaco difinita sur faco = elipsa, sfera –|**–eco** : grandeco de –.

**aresti 2** kapti kulpulon aŭ suspektulon malliberigotan = li estis –ita en Ameriko.

**argilo** speco de ŝtono modelebla (aluminisilikatajo).

**argono** ŝtofo simpla gaza. (A = 36,6).

**argumenti 1** konduki al kredo per rezonado|**–o** : formo regula de rezonado = silogismo, dilemo, kc. estas –j.

**arĝento** ŝtofo simpla metala (Ag = 107,12)

**arĥitekto** kaj **–iko** : scienco de konstruado| **–isto** : de tiu scienco.

*ankaŭ* : arĥitekturo, arĥitekturisto, kaj arki–.

**ario** muzika frazo.

**aritmetiko** scienco de nombrado.

**arko** peco de kurblinio, plej ofte de rondo aŭ elipso | **–o**, **–ajo** : objekto tiaforma = ponta –, triumfa –, sagarko, kc. | **–eto** : malgranda –, arĉo, kc.| **–efleksi** ; kurbigi arkforme.

**arlekeno** amuzisto, jonglisto maske vestita = l'–de la reĝo.

